# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

21/06/2012 Kvindekkvara Eldono 2012 21/06/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

Dekaj eldonoj montras la nomojn de ĉiuj ricevantoj de la Novaĵletero. Adresdetaloj neniam estas montrataj. Se vi deziras, ke via nomo ne estu en tiu listo, malabonu mi petas. Roger rspring@tpg.com.au

## GRAVAJ DATOJ

(se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012, ? **(Ne estas fine *decidite*)**

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.? **(Ne estas fine *decidite*)**

**Esperanto** havos 125 jarojn la 26an de julio, 2012

Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj. En Esperanto mi petas. Roger Springer rspring@tpg.com.au
La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj. La nomoj de ricevantoj estas listigitaj en la dekaj eldonoj.

Mezura sistemo havas metran logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

## La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

Reklamu viajn proponojn, intencojn, planojn en "Aŭstraliaj Esperantistoj"

Estontaj direktoroj, bonvolu doni viajn pensojn pri la sekvantaj punktoj:
**Malfermiteco, Kondiĉoj de aliĝo, Somerkursaroj, Libroservo, Mondeto, Retpaĝaro, Projektoj, Aliĝkosto, Aliaj?**
Membroj bezonas informojn por scii por kiu voĉdoni.

## La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Kam Lee** | Administra Direktoro vidu AE50
**Suzanne Corry** | Financa Direktoro
**Jennifer Bishop** | Dir de Edukado
**Yaw Ampomah Badu**| Dir de Utiligado
**Richard Delamore**| Dir de Informado letero AE52
**Crystal Hill** | Dir de Membraj Servoj letero AE53 ne estas kandidato

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Gordon Coleman | vidu AE50 | letero AE51 |
| Indrani Beharry-Lall | vidu AE50 | |
| Kam Lee | vidu AE50 | |
| Sandor Horvath | vidu AE50 | |

Kaj kompreneble tiuj de la nuna estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj pri kiuj ni ankoraŭ ne scias. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro aŭ kandidatiĝi.

## Komentoj pri voĉdonado de ne-kandidatoj

Matt Maguire letero AE52
Svetislav Kanaĉki leteroj AE51, AE52

Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel voĉdonanton, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

## Aŭstraliaj Esperantistoj invitas ĉiujn estrarkandidatojn skribi al ni

Mi kredas, ke estas 82 homoj, kiuj nun rajtas voĉdoni ĉe la venonta AEA balotado. Se vi ne estas ano de AEA, **aliĝu rapide,** se vi volas voĉdoni AEA membreco

AEA minacis min pri leĝa agado se mi metas la liston de la nomoj de AEA

membroj en la novaĵleteron. Mi volis montri nur nomojn, ne adresinformojn. Mi ne konas adresojn de multaj sur la listo, krome, tio estas privata informo.
**"I am afraid that if you publicize this information AEA will have no choice but to notify ASIC (Australian Securities & Investments Commission) of the matter."**

Sed ĉiu membro de AEA leĝe rajtas peti ke AEA sendu al ili la liston de membroj (The register of members can be made available via (xiii) as in the constitution.)
Do ne hezitu peti kopion de la listo de anoj prezidanto@esperanto.org.au; servoj@esperanto.org.au;
Informu la novaĵleteron se vi havas problemon ricevi la AEA liston de membroj. Voĉdonu por protekti la heredan monon de AEA.

**Mi petas la AEA membrojn, permesi retmesaĝe ke La Aŭstraliaj Esperantistoj metu vian nomon (sen adreso) en liston de fieraj AEA Membroj- publikotan en la novaĵletero.** rspring@tpg.com.au

# Pri la voĉdonado

Leteroj inter Max Wearing kaj AEA Direktoro de Membraj Servoj kaj komento de Gordon Coleman

2012/6/18 Joseph Maxwell Wearing <mwearing@internode.on.net>
Kara kaj estimata Crystal Hill,
Dankon kaj gratulojn pro via mesaĝo en *Aŭstraliaj Esperantoj 53*.

Mi sentas, ke gravas en ne-mon-gajncela organizo kia AEA, ke membroj havu la eblecon facile konatiĝi unu kun la aliaj. Fakte unu el la formulitaj celoj en nia antaŭ-2007a statuto estis "kreskigi inter (siaj) membroj fortikan senton de solidareco", kaj ĝis la jaro 2003 oni regule publikigis adresaron de la membroj, kaj organizis ĉiujarajn tutlandajn kongreson kaj somerkursaron kiuj allogis po proksimume 100 partoprenantoj. Antaŭ kelkaj monatoj Bob Felby kaj mi proponis, ke ni reenkonduku tian adresar/jarlibron por la aŭstralia E-komunumo kun aparta listo de AEA-membroj kun almenaŭ unu adreso (aŭ ret- aŭ helik-poŝta). Ĉu vi pretus sendi al ni tian liston - kun almenaŭ la nomo de ĉiu membro? La direktoroj jam anoncas almenaŭ sian ret-adreson; sed estus bone anonci almenaŭ unu adreson de ĉiu membro kiu pretas anonci ĝin, ĉu ne? Sed por fari tion, necesos scii almenaŭ la nomojn de la membroj. Ĉu vi pretas helpi tiucele?
Amike kaj esperante,
Max Wearing.

2012/6/18 Joseph Maxwell Wearing <mwearing@internode.on.net>
Kara Crystal,
Ŝajnas, ke vi kredas, eble, ke la voĉdonado okazos jam en julio. Ĉu vi scias, do, ion kion ni

aliaj ne scias? La anoncita dato de la jarkunveno estas fine de septembro. Ĉu iu atendas, ke la membroj devos fari decidon jam en julio???
Amike kaj sincere,
Max.

2012/6/18 AEA Direktoro de Membraj Servoj servoj@esperanto.org.au
Kara Max,
La voĉdonado por la estraro kutime okazas antaŭ la jarkunveno per poŝto, ĉu ne?
La statuto diras:
*(21)7. Se la estraro ne decidos alian proceduron, la elekto de estraranoj estos okazigita per poŝta voĉdonado. Se poŝta balotado okazos, la proceduro laŭ regulo 23 validos.*
Ni nun preparas la formularon por voĉdonado kaj baldaŭ ĝi estos sendita poŝte kun la venonta eldono de ESK.
Pri via antaŭa poŝto pri listoj de la membroj de AEA, bonvolu atendi. Mi baldaŭ respondos al ĝi, sed unue mi devas prepari la liston kaj kontroli kelkajn aferojn pri la leĝo.
Amike,
~ Crystal Hill **Vidu sube korektitan leteron**

2012/6/18 Joseph Maxwell Wearing <mwearing@internode.on.net>
Kara Crystal Hill,
Dankon pro via tuja respondo.
Sincere Via,
Max Wearing.

2012/6/19 Gordon Coleman, <coleman839@gmail.com>
Ni ankoraŭ atendas la protokolon de la lasta AGM kaj ĝi devus esti finita antaŭ la balotado. Estas nekredeble ke ni ankoraŭ atendas vane 11 monatojn post la Jarkunveno por ricevi la protokolon.
Kie estas la demokratio kaj malfermiteco de AEA?

Gordon Coleman
Adelaide
Tottenham Boy in Exile

# **Nomumado** okazos en julio

## Korekto al mia antaŭa skribaĵo je AE53

Karaj legantoj, saluton denove.
Mi ege pardonon petas, sed estis grava eraro en mia antaŭa skribaĵo en AE53. Mi diris "...ĝis la voĉdonado de la tuta membraro en julio kaj la enkonduko de la nova estraro ĉe la ĜJ", sed mi eraris. **Nomumado** okazos en julio, voĉdonado okazos poste. Baldaŭ la formularo por nomumado estos sendita al ĉiuj membroj de AEA.

**Amike, Crystal Hill, Direktoro de Membraj Servoj**
**servoj@esperanto.org.au** 19 junio 2012

# statuto de aea [http://aea.esperanto.org.au Dokumentoj]

La printebla versio de nia nova Statuto - ĉi momente bedaŭrinde disponebla nur en la angla lingvo - estas elŝutebla per la suba ligilo: New AEA Constitution.pdf

# Malsanaj Kaj Vunditaj Aŭstraliaj Esperantistoj

Informu viajn samideanojn pri Esperantistoj kiuj havas sanajn problemojn. Evitu malpravajn onidirojn. Viaj amikoj kompatos vin. Informu nin.

---

## Volo Gueltling

Kvankam mi marŝas kun bastono, kiel vi certe scias, mi devus marŝi kun du bastonoj. Unu por la maldekstra gambo ĉar mia genuo deziras kolapsi kaj unu por la dekstra gambo por havi malpli da doloroj. Mi povas marŝi sufiĉe bone dum kelkaj tagoj kiam la suno brilas, sed dum pluvaj tagoj ambaŭ gamboj doloras. Saluton, Volo

## Jen bonaj nomoj por infanoj, ktp. Viraj kaj Inaj.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Alan | | | Elrae | | | Katja | | | Rex | |
| Alan | | | Erhard | | | Kay | | | Richard | |
| Andrew | | | Franjo | | | Kep | | | Roger | |
| Andrew | | | Frank | | | Kevin | | | Rosalie | |
| Arthur | | | Gaye | | | Laurie | | | Sandor | |
| Barrie | | | Gerry | | | Les | | | Sandor | |
| Beth | | | Gordon | | | Margaret | | | Sandra | |
| Bob | | | Harold | | | Marumi | | | Shayne | |
| Carol | | | Hazel | | | Mary | | | Shirley | |
| Catherine | | | Indrani | | | Maureen | | | Sidney | |
| Charles | | | Janet | | | Mavis | | | Stephen | |
| Crystal | | | Jennifer | | | Max | | | Suzanne | |
| David | | | Jenny | | | Mei | | | Tom | |
| David | | | Jim | | | Michael | | | Trevor | |
| Dianne | | | Joan | | | Miranda | | | Vera | |
| Dianne | | | Joffre | | | Ness | | | Volo | |
| Donald | | | John | | | Owen | | | Yvan | |
| Doreen | | | Jonathan | | | Patricia | | | | |
| Eddie | | | Julie | | | Paul | | | | |
| Eileen | | | Kam | | | Paul | | | | |
| Elizabeth | | | Karlo | | | Raymond | | | | |

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

---

Svetislav Kanaĉki 13-6-2012

Eble mi ne rajtas fari rimarkojn pri artikoloj en la novaĵa letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj. Tamen mi estas membro de la Federacio de Viktorio kaj supozas ke leteroj senditaj al la redaktoro rspring@tpg.com.aŭ estas por ĉiuj uzantoj de la lingvo Esperanto. Same kiel la Esperanto Radio programoj estas ne nur por la membroj kiuj pagis kotizon al la radio 3zzz. La helpantoj estas ne pagataj personoj. Do se ni estus komerco, ni ne havus rajton esti volontula radio stacio.

Ni estas oficiale registritaj jene;"ESPERANTO KAJ AMIKOJ DE ESPERANTO EN RADIO"de Melbourne Ethnic Community Radio 3zzz 92-3 fm. Neniu en la programo estas dungita aŭ "kontraktita" por la celo de diskonigo de Esperanto tutmonde. Per tio mi volus diri, ĉu AEA kontraktas fimaon"MONDETO" de Penny Vos? Responde al mia demando Roĝer diris:"MI KREDAS ke MONDETO estas komerca firmao de Penny Vos". Ĉu kiel komerco, vendado de Esperanto, sen profito financa?

Estus tre taŭge, se AEA publikigus rezulton de 2 jara laboro kiel privata firmao; mi supozas ke AEA ricevadas regule rezultojn, almenaŭ unu foje jare. Tio estas je punkto 5 (Mondeto).

Koncerne No 1 (malfermiteco) jes, sed ne vere necesas ke komitato donu ĉiun punkton detale, ke donu informojn pri la diskutoj, sed ili donu la findecidojn. Aŭ se estas demando al respondeca persono, tiam ili donu klarigon.

Koncerne No 2 (aliĝo) kondiĉoj ne necesas, sufiĉos ke memkonscio gravas.

No 3 (somerkursaro) estus konsilinde pridiskuti.

No 4 (libroservo) Prefere ni havu peranton, sed ne grandan stokon por vendado, eblas mendi per UEA.

No 6 (retpaĝo) Tre gravas la informoj, agoj, rezultoj, proponoj, novaĵoj, ktp.

No 7 (projektoj) gravas.

No 8 (aliĝkosto) gravas por financa subteno de AEA, sed ?.

No 9 (aliaj) necesas de tempo al tempo scii pri la membro kvanto, kaj la progreso aŭ malprogreso, problemoj eventuale.

Svetislav Kanaĉki

---

## Respondoj al kelkaj demandoj de Svetislav

La 'Aŭstraliaj Esperantistoj' novaĵletero estas por iu ajn kiu skribas/legas Esperante, kaj preferinde loĝas en Aŭstralio. Mi nur bezonas la nomon kaj retadreson.

'Aŭstraliaj Esperantistoj' Novaĵletero subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.

Mi ne havas la scion por povi respondi pri "Mondeto". Aliaj punktoj estas pri la demandoj al la estrarkandidatoj. Eble la kandidatoj respondos. Roger Springer